# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 39 (4) JULIO - AŬGUSTO/84



**ADRESO DE A.E.A.**

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 GIJON - 6

---------

**ENHAVO**



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.
Depósito legal n-ro O/319/85

JEN...

Tiel komencis nia kara Adonis en ĉi tiu lia kolumno. en la 30ª n-ro de "HELECO"(JANUARO/FEBRUARO-83) por altiri la atenton de la gelegantoj de nia modesta gazeto pri la novaĵo, kiu tiam signifis modernigi ĝian kovrilpaĝon.

Nun, kelkajn monatojn post tiu dato,ankaŭ mi deziras altiri vian atenton, ĉar denove ŝanĝiĝis la eksteran aspekton de la gazeto. Kiel vi povas konstati estas nur simpla anekdoto, apartenanta jam al la historio, tiu dika frontpaĝo, kiu garnis niajn antaŭajn ekzemplerojn kaj sur kiu ni devis surglui la dorskovrilon kun la desegnaĵo de nia urba blazonŝildo.

Tiuj du kovrilpaĝoj nun estas nur unu, malpli peza, pli konvena kaj racia.

Ĉi tio, kvankam kompreneble ne estas afero tre grava, havas por ni tiun specialan signifon, kiun prezentas nova paŝo antaŭen. Ankaŭ mi deziras reliefigi, tiun alian novaĵon, kiun signifas presi ĉiun folion ambaŭflanke jam ekde la numero 37ª,atentante sugestojn de iu el niaj gelegantoj por ŝpari paperon.

Tiamaniere, kun la sama nombro da folioj, la gazeto pligrandigis ĝian enhavon.

Ni konscias, ke ĉi tio estas nur paŝetoj; tamen, ĉiam antaŭen.

Longas la vojo, kiun ankoraŭ ni devas trairi por komplezi ĉiujn, eĉ nin mem, sed paŝo post paŝo oni iras longe.

Ja diras la proverbo: "Kion oni volas, tion oni povas".

IDOLO

NIA ANTENO

Ĉijare nia grupo estis reprezentita en du E-Kongresoj; unu internacia, kaj la alia nacia. Jen kio rilate ambaŭ eventojn rakontas al ni, niaj samideanaj partoprenantoj.

MI ĈEESTIS EN LA 52ª INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ, KIEL REPREZENTANTO DE ASTURA ESPERANTO-ASOCIO

Ĉi tiu Kongreso okazis en Tirrenia-Pisa (Italio), dum la tagoj 21-30ª de Junio; estis por mi granda ĝojo; mi partoprenis inter blinduloj kvankam mi estas vidanto. Dum mia restado tie mi konis novajn geesperantistojn, eminentajn homojn, kiel S-rojn OTTO PRIZT kaj JEAN SOREL, katedraj profesoroj de idiomoj en universitatoj de Oslo kaj Montreal, respektive; S-ron AZZI, preleganto pri itala literaturo; bonega prelego li prononcas bele kaj klare, lia ĉarmo faris nin tre feliĉaj; ankaŭ S-inon VIOLETTA DE FILIPPO. Ŝi faris enkondukon de la kongrestemo: "LA BLINDAJ VIRINOJ EN LA NUNTEMPA SOCIO". Ŝi eksplikis en du partoj la temon per granda ekspozicio de la problemoj de blindaj virinoj. Tre interesa ŝia parolado. Krome alian partoprenantojn kiel S-rojn GIORGI, FRANZONI, BRENNAN, MOLLE , kaj S-inon FASANI. Ĉiuj partoprenis kun flamstilo.

Krom prelegoj, estis aliaj aktoj, kiel operkoncertoj, folkloraĵoj, ekskursoj, ludoj, "kafejo-teatro". Pri la operkoncerto, mi devas mencii tion: estis prezentata la partopreno de soprano RENATA DALTIN, tenoro GIUSEPPE COSTANZO kaj pianisto TULLIO GIACCONI.Ĉi tiu programo konsistis el operarioj de GIACOMO PUCCINI, kun plenplena sukceso.

Pri ekskurso al Florenco, ankaŭ ĝi okazis kun plena sukceso. Ĉi tiu urbo estis fama dum la 13ª jarcento tra la tuta Eŭropo pro ĝiaj teksindustrio kaj bankoj, kaj dum la regado de aristokrata reĝimo (14ª jarcento) Florenco riĉiĝis per belaj palacoj kaj monumentoj, kaj povis fieri pro kelkaj belaj genioj de tiu tempo. Sed la kulmino de la florenca albrilado koincidis kun la regado de familio MEDICI (15ª jarcento). Alia ekskurso estis al Volterra, situanta sesdek kilometrojn sudoriente de Pisa, sur alta monteto, antaŭ ol atingi la urbon oni renkontas imponajn restaĵojn de la etruskaj muregoj. La nuna aspekto de la urbo estas tiu de mezepoka fortikaĵo kun ĝia kastelo de la dekdua jarcento. Sed tuj , ekster la murego, aperas la plej imponaj arkitekturaj restaĵoj de la romia civilizacio,kiujn Toskanio konservas. Por mi estis granda surprizo, ĉar malkovriĝis tre interesaj lokoj kun antikva historio, kiujn mi ne konis.

Mi devas kritiki kelkajn akspektojn pri la organizado de la Kongreso. Mi opinias ke pri ĝi ne estis sufiĉa disvastigado, ĉar mi ne vidis propagandon en la tuta urbo Tirrenia nek en Pisa. Ankaŭ ne aperis artikoloj en la lokaj ĵurnaloj pri la Kongreso nek afiŝegoj; oni ne faris oficialan foton por publikigi en esperantaj revuoj. Tamen, mi devas gratuli al la Organiza Komitato pro elekto de tia bela loko, kaj komforta restadejo, bona manĝaĵo, bona servado, ĝentilaj gekelneroj, aktiva kaj preta ĉefo de la geservistoj, puraj ĉambroj, belaj ĝardenoj, privata strando, kie dum matenoj ni banis en la maro kaj kuŝis sur longseĝoj por bruniĝi je la suno, agrabla etoso dum ĉiuj momentoj. Aliflanke, mi citu la bonan planadon de la horaro, ĉar la komenco de la aktoj ĉiam estis post la 16ª horo, escepte kiam okazis ekskursoj dum la tuta tago.

▶

La nombro da kongresanoj superis 200, el dudekunu landoj. El Hispanio partoprenis nia samideano ADAM GORALSKI, kiu, kvankam li estas pola, li loĝas en Tenerifo. Li estas eminenta blindulo, ĥemia inĝeniero, krome parolas ok idiomojn, inter ili Esperanton, kompreneble.

Dankon kara VIOLETTA, pro via invito. Mi estas tre dankema al vi ĉar mi povis partopreni en tia mirinda Kongreso, kaj koni tre inteligentajn blindulajn homojn.

JULIO ARGÜELLES

IMPRESOJ PRI LA 44ª HISPANA ESPERANTO-KONGRESO

Jen ni venis al Kongreso,
sur la jako verda stel´.
Estis granda la impreso
ĉar kotizo estis ŝtel´.

Nu, tiel komenciĝas tre konata esperanta melodio, sed io tia ne okazis ja en la bela ĉefurbo andaluzia, ĉar la Kongreso, bone aranĝita de la juna loka grupo, glate disvolviĝis kaj feliĉe atingis sian finon.

La ŝtel-afero trafis la suferemajn esperantistojn de alia flanko!

Plej grava kaj notinda novaĵo, laŭ mia persona vidpunkto, estis la eksterprogramaj aranĝoj organizitaj de S-ro A.Alonso Núñez. Temis pri provaj Artaj kaj Sciencaj Horoj, en kiuj oni invitis ajnan kongresanon prezenti temon de li konatan ĉi-foje , ekzemple, pri la vino; la abako; kiel prepari libron por presado; Kantabrio kiel aŭtonoma regiono; ktp.). S-ro Núñez klopodis provi, ke esperanta kongreso povas taŭgi por ion pli ol simpla turismado; kaj kredu, ke la rezulto estis ege sukcesa . Do, oni oficiale decidis, ke tiuj aranĝoj kutime okazu de nun en la kadro de la hispanaj kongresoj.

Aliaj interesaj punktoj estis la prezento de la laboro, kiun realigas la komisiono por la jubileo de Esperanto, kaj la "ebla" translokiĝo de HEF al Alicante.

Kompreneble la varmo ĉefrolis, kvankam ĝi estis pli eltenebla ol ni antaŭsupozis.

Sed, ho karaj, la ĉefaj rolantoj estis, kiel mi diris ĉe la komenco: la ŝtelistoj. Kaj se vi deziras pliajn informojn, demandu pri tio al nia samideano Santiago Mulas (Prezidanto de Astura Esperanto-Asocio), kiu estis inter la priŝtelitoj.

Resume, la Kongreso estis tre agrabla, kaj tiuj, kiuj ne ĉeestis, certe maltrafis tre belan okazon por ĝui la ĉiam fratecan esperantistan etoson.

PEDRO ULLATE

Al ĉiuj interesiĝintoj pri la sanstato de nia kara samideano kaj amiko, vicprezidanto de nia E-grupo, Adonis, ni informas pri tio ke lia resaniĝo disvolviĝas kontentige. Lia malfortiĝo kaj vidkapablo persistas, kvankam li konservas lian tutan antaŭan bonhumoron.




BULGARA ESPERANTISTO

ORGANO DE BULGARA ESPERANTISTA ASOCIO

## SENMORTA ŜEKSPIRO

(23. 4. 1564 - 23. 4. 1616)



Ĉi-jare finiĝas 420 jaroj depost la naskiĝo de la granda angla poeto kaj dramverkisto William Shakespeare (Ŝekspiro).

Ŝekspiro estas unu el la mirakloj de la mondo, pri kiuj oni neniam ĉesas admiri. La historio antaŭeniras per grandegaj pasoj, ŝanĝiĝas la aspekto de nia planedo, kaj tamen la homoj ĉiam ankoraŭ bezonas la kreajojn de tiu poeto, de kiu nin dividas kelkjarcenta distanco.

" La granda bazo de liaj verkoj estas la vivo mem " - skribis Goethe.

Jam en la malproksimaj jaroj, kiam Esperanto faris siajn unuajn paŝojn, la verkaro de Sekspiro altiris la atenton de la unuaj E-poetoj.

En 1894 Zamenhof mem tradukis la tragedion "Hamleto, reĝido de Danujo", kies oka eldono aperis en 1.964.

En Esperanton estas tradukitaj "Tragedio de Otelo, la maŭro de Venecio"(Tradukis Reto Rosetti, 1960);"Reĝo Lear"(traduko de K. Kalocsay, 1966);"Somermeznokta sonĝo"( traduko de K.Kalocsay, 1967);"Epifanio" aŭ Kiel vi volas" (traduko de W.Auld, 1977).

Lastatempe en "Esperanto" oni sciigis, ke W.Auld tradukis ankaŭ la Sonetojn de Ŝekspiro.

Do, kiel vidiĝas de la supraj linioj, la Sekspir-verkaro estas sufiĉe amplekse kaj kompetente prezentita en E-tradukoj. Kaj certe la intereso al la genia poeto kaj dramisto ne ĉesos kaj ankaŭ la estontaj E-generacioj donos sian kontribuon en tiu ĉi kampo.

Ĉi-sube ni proponas al la atento de niaj legantoj fragmenton el la belega Zamenhofa traduko de "Hamleto".

### HAMLETO, REĜIDO DE DANUJO

Elsinoro. Ĉambro en la palaco. La reĝino kaj Horacio

REĜINO

Ne, ne! Ne volas mi kun ŝi paroli

HORACIO

Si forte petas, ŝia stato estas
Tre kompatinda.

REĜINO

Enlasu ŝin! (Horacio foriras). Al la animmalsana
Aperas ĉie signoj de danĝero;
La kulpo estas tiel timoplena,
Ke per kaŝado ĝi sin nur malkaŝas!

(Venas Horacio kun Ofelio.)

OFELIO

Kie estas la bela reĝino de Danujo?

REĜINO

Kiel vi fartas, Ofelio?

OFELIO (Kantas)

Mia kara, mia belo
Estis brava juna dano;
Portis plumojn sur ĉapelo
Kaj bastonon en la mano

REGINO

Ha, mia kara fraŭlino, kion signifas tiu ĉi kanto?

OFELIO

Kion ? Mi petas vin, aŭdu:

(kantas)

Vane estas la espero:
Li jam mortis, ne revenas!
Lian kapon kovras tero.
La piedojn ŝtono tenas.

REĜINO

Sed diru al mi, Ofelio...

OFELIO

Mi petas vin, aŭskultu. (Kantas)

Ĉemizeton oni metis... (Eniras la reĝo)

REĜINO

Ha, mia edzo, rigardu!

OFELIO (kantas)

Sur karulon inter ploroj;
Sur la tombon oni ĵetis
Multon el la kampaj floroj.

(daŭrigo sur la 6ª paĝo)

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

Niaj agemaj lingvopolicanoj daŭre kaj efike plenumas sian lingvodefendan devon. La membroj de la taĉmento "Verdastelo" laste arestis la deliktulojn, kies cirkonstancaron mi sciigas ĉi sube.

DISTRIKTO DE "CATALOGO DE LIBROS.LIBROSERVO DE HEF".ENERO-MARZO 1.984

La t.n. NOVELOJ, kiu neleĝe anstataŭas s-ron ROMANOJ en la titolaj linioj de la paĝoj 4 kaj 5.

La t.n. MANPOŜOJ, kiu akaparis la rolon de s-ro SAKOJ en la linio 26ª de la paĝo 9.

La t.n. DISDONITAJ, kiu paradas per la finaĵo "n" tute kontraŭleĝe en la 14ª linio de la paĝo 11.

La t.n. SENDOKOSTOJ, MINIMUMA kaj KVANTO, kiuj deĵoras en la 20ª linio de tiu sama paĝo sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. MENDOJ, kiu agas same en la 26ª linio, sama paĝo.

DISTRIKTO DE "HEROLDO DE ESPERANTO", n-ro 3 (1726).

La t.n. UZATA, kiu kontraŭleĝe uzas la finaĵon "n" en la linioj 18ª/19ª de la maldekstra kolumno sub la titolo "La libera homo kaj 1.984" en la paĝo 1.

La t.n. TAGO, kiu oficas en la linio 6ª de la unua kolumno de la paĝo 2 sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. PETATA, kiu deĵoras nenecese kun la finaĵo "j" en la linio 8ª sub la titolo "Aktuala komputiko", en la 3ª kolumno de la paĝo 2, samtempe rifuzante akompanon de gesinjoroj LI/ŜI.

La t.n. ELDONITA, kiu en la sama paĝo, 66ª linio de la 4ª kolumno, kontraŭleĝe paradas per la finaĵo "n".

La t.n. EL, kiu uzurpas la oficon de s-ro AL en la 2ª linio de la anonco sub la rubriko "Nia filmo" en la sama paĝo. Tiu fiulo estas rekulpiĝinto, ĉar li faris la samon en n-ro 2 (1725).

La t.n. ĴIPOPLENO, kiu uzurpas la profesion de s-ro PLENĴIPO en la linioj 1ª kaj 2ª de la unua kolumno sub la titolo "Preskaŭ ĉiutage en "Bona Espero", en la paĝo 3.



DISTRIKTO DE "ESPERANTO", n-ro 938(2).

La t.n. KLASIFADO, kiu uzurpas la oficon de s-ro KLASIFIKADO en la linio 38ª de la dekstra kolumno, paĝo 27.

La t.n. FORMOJ, kiu deĵoras en la linio 26ª de la unua kolumno de la paĝo 30 sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. ELPENSITAJ, kiu senraĵte paradas en la linio 15ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 32 per la finaĵo "n".

La t.n. FOSON, kiu uzurpas la lokon de s-ro FOSADON en la linio 37ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 34.

DISTRIKTO DE "SENNACIULO", n-ro 3(946)

La t.n. AL, kiu uzurpas la rolon de s-ro EN inter s-roj PARTOPRENU kaj LA, en la supra anonco de la paĝo 26, dekstra kolumno.

La t.n. ESPERANTO, kiu, en la samaj paĝo kaj kolumno kaj sub la titolo "Nova kantlibro", oficas en la linio 5ª sen la deviga finaĵo "n", kaj en la linio 7ª kun nenecesa litero "j".

La t.n. PAROLANTA, kiu uzurpas la postenon de sia parenco PAROLATA en la linio 11ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 27.

La t.n. DE, kiu, en la samaj paĝo kaj kolumno, linio 52ª, neleĝe anstataŭas s-inon DA.

La t.n. PRAVIGITA, kiu sin prezentas en la linio 58ª de la dekstra kolumno de tiu sama paĝo neleĝe ornamita per la finaĵo "n".

Doninte al ĉiuj menciitaj arestitoj po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo, ili estis tuj liberigitaj.

Esperburgo, la 24-an de Julio 1.984
LA ĈEFKOMISARO,

Al. ZIBJADO

---

(daŭrigo de la 4ª paĝo)

REĜO

Kiel vi fartas, kara fraŭlino ?

OFELIO

Mi dankas! Tre bone. Oni diras, ke la strigo estis filino de bakisto. Ha sinjoro, ni scias, kio ni estas, sed ni ne scias, kio ni povas fariĝi. Bonan apetiton!

REĜO

Ŝi ne povas forgesi la patron.

(Fragmentoj el akto IV, sceno V de la Zamenhofa traduko)

Mi kopiis la antaŭan artikolon el la prestiĝa gazeto "BULGARA ESPERANTISTO" . Mi gratulas la Redaktorojn samtempe ke mi sugestas al ili dediĉu similan verkaĵon al aŭtoro de la "Inĝenia Hidalgo Don Kiĥoto de la Manĉo, Don Miguel de Cervantes Saavedra.

Kompilis: S. Collado

# Niaj Geamikoj el....

## .... Bulgario

### HISTORIO DE GABROVO

(daŭrigo)

La malkovro de monaĥejfilio de monaĥoj el Rila-monaĥejo en Gavrobo en la komenco de la XVIIIª jarcento emfazas ĝian kulturan kaj religian signifon. El konservitaj informoj oni scias, ke tiuj ĉi monaĥoj kolektas ne nur helpojn por siaj monaĥejoj, altiras pilgrimantojn al Atosa Duoninsulo kaj Rila-monaĥejo, sed instruas la infanojn de pli riĉaj gabrovanoj legi kaj skribi. Rimarkinda esprimo de amo kaj fervoro al literaturo estas skribita de gabrovano monaĥo-pastro Spiridon "Mallonga historio de bulgara slava popolo" en la jaro 1792ª en granda moldava monaĥejo - "Njamcu". "Pro amo mi skribas" -eksplikas Spiridon en ĝi. Pli malfrue li skribas "Biografion de Teodosi Târnova". Kaj liaj du libroj havas signifon por bulgara renesanco.

La ekonomia florado de Gabrovo dum la XVIIIª jarcento kaj la unua kvarono de la XIXª jarcento kontribuas por la plua disvolvado de la kultura kaj religia vivo en la urbo, en kiun iompostiome penetras ankaŭ nereligiaj manifestiĝoj kaj intereso pri socia kaj scienca kono. De la pasinteco Gabrovo havas nedisigeblajn atingojn en la sfero de la literaturo kaj klereco - la pastroj en la preĝejoj, monaĥoj en Atosa kaj Rila-monaĥejfilioj, la plimultigo de la nombro de legosciaj loĝantoj, oftaj vojaĝoj al Jerusalemo plifortigas la horizonton de gabrovanoj.

La unua grandsignifa manifestiĝo - de interrompo de la mezepoka literatura tradicio aperas en Gabrovo kiel strebo al popola lingvo en literaturo, por ke ĝi alproksimiĝu al la popolo. Modesta pioniro en tiu nova damaskena literaturo estas monaĥo-pastro Roman Gabrova, kiu en la 1756ª jaro kun Nikiforo - Rilec kaj ankoraŭ unu nekonata literaturisto reskribas kolekton da damaskenoj, kompilita de nia fama reprezentanto de tiu ĉi literatura ĝenro, monaĥo Josif Bradati. Roman estis monaĥo reprezentanto de Rila-monaĥejo en Gabrovo kaj okupiĝis aktive pri literatura kaj kleriga agado. Li laboras pri demokratigo de la literatura lingvo-progresema fenomeno en la historio de nia literaturo.

Elokventa pruvo pri disvolviĝo de neeklezia klero en Gabrovo dum la dua duono de la XVIIIª jarcento estas du leterlibroj: Stanimirovska - de la jaro 1783ª kaj la dua de la jaro 1789ª.

La supreniro de kapitalisma produk-



tado en Eŭropo plifortigas la serĉadon de krudmaterialoj kaj la difinon de la ligoj kun Osmana imperio.

Komencinta ekonomia prosperado favoras la Gabrova orientiĝon ankaŭ en la unua duono de la XVIIIª jarcento ankaŭ al eksteraj vendejoj, starigon de sistemaj ligoj kun transdanubaj landoj, norde ĝis Moskvo kaj sude - kun Istambulo kaj Malgranda Azio. Gabrovanoj eksportas metalaĵoj, famaj juvelaĵoj, ledaĵoj kaj peltaĵoj, fusiloj kaj fusilaj tuboj. En Gabrovo ekzistis "fusila" - kvartalo ĝis la komenco de la XIXª jarcento, kiam estis malpermesite al la kristana "raja" (sklavoj) ellabori armilojn.

Montaraj arbaroj ĉirkaŭ la urbo favoris la fruan disvolviĝon de lignoprilaboraj metioj - gabrovaj glitveturiloj, partoj de veturiloj, ŝoveliloj, matricoj, buŝelujoj, trogoj, k.a. kiuj havas bonan debiton en kamparaj vilaĝoj kaj aliaj provincoj de la imperio.

Dum la dua duono de la XVIIIª jarcento Gabrovo estiĝas grava centro de produktado kaj komerco je silko. Krom loka silko gabrovaj komercistoj aĉetas tian ankaŭ el aliaj regionoj de la lando kaj komencas eksporti grandan kvanton por Bukureŝto, Braŝovo kaj Moskvo.

La kreskado de la komerco devigas multajn gabrovajn komercistoj elmigri en rumanajn, rusajn, aŭstrajn kaj istambulajn komercajn centrojn. Tamen ili ne interrompas siajn ligojn kun Gabrovo kaj transformiĝas en siaspecajn komercajn reprezentantojn kaj perantojn inter gabrovaj komercistoj kaj metiistoj kaj alilandaj vendejoj. Nome per ili kaj iliaj familioj Gabrovon atingas novaĵoj el la kulturo de Eŭropo, libroj, lernolibroj, kantaroj, muzikinstrumentoj, muziknota materialo.

Post la Kjuĉukkajnarĝia kontrakto/ 1774ª jaro/ pro la pligrandiĝinta nesekureco kaj kârĝaliaj rabadoj en Bulgario, multaj gabrovanoj elmigras en Rumanion, Rusion, Hungarion, k.a. Gabrova loĝanta grupo formas en Bukureŝto straton, nomita "Strada gabrovenilor" (strato de la gabrovanoj), kie ili konstruas faman gabrovan hotelon, en kiu kunvenas komercistoj el tuta Bulgario.

La kreskado de la ekonomio kaj komerco efikas favore al la evoluado de la lerna afero. Unua ĉemonaĥeja lernejo estas fondita en la komenco de la XVIIIª jarcento ĉe Atona monaĥejfilio. Baldaŭ oni malfermas tri ĉemonaĥejajn lernejojn kaj en la komenco de la XIXª jarcento kelkaj gabrovanoj kaj gabrovaninoj fermas privatajn lernejojn.

La nombro de la privataj ĉemonaĥejaj lernejoj rapide kreskas, ŝanĝiĝas la enhavo de la instruado. Unuafoje estas malkovrita en Gabrovo nova moderna lernejo-gimnazio, kun moderna programo, je nuntempa bulgara lingvo, kreita de Vasil Aprilov kaj Nikolaj Palauzov.



Verkis: Kina Prodanova

(ĝi daŭros

# Ankoraŭfoje pri Rekomenci

Iu tre kara kaj samtempe elstara samideano el urbo Sabadell, Luis Serrano Pérez, estas unu el la plej fidelaj kaj konstantaj kunlaborantoj de nia gazeto. Li ektraktis en ĝi diversajn kaj nedudeble interesajn temojn kun majstra lerteco, preskaŭ de la starto de "HELECO", en ĝia dua epoko.

En la numero 37(2) (MARTO-APRILO/84), aperis ĉi tie artikolo lia pri la temo de la premiita hispana filmo " Volver a empezar " aŭ "Begin the begine" (titolo kun kiu ĝi aperis en la afiŝkadroj de niaj kinejoj) kaj kies traduko en la internacian lingvon, povus esti:"Rekomenci".

Sub ĉi tiu titolo kaj temo:"Rekomenci", li disvolviĝis raporton pri la citita filmo, plena de hipotezoj kaj eraroj, laŭ mia vidpunkto.

Mi ne volas polemiki kun li sed, tamen, mi rimarkis,ke liaj opinioj kaj tiuj miaj diverĝas, tiurilate.

Tiel,kiam li komencas dirante:"...ke tiutempe forte oni trumpetis en la tuta lando pro la atingita distingo..." , mi kuraĝas diri,ke tio estas normala en tiaj okazajoj, speciale en landoj, kiel la nia, tiel bezonanta fremdajn stimulojn. Kiel ne reliefigi, ekzemple, tiun faman golon de Marcelino, antaŭ forta soveta futbalteamo,per kiu la hispana gajnis la eŭropan futbalĉampionecon en la jaro 1.964, aŭ tiun oran medalon gajnitan de Paquito Fernández Ochoa en Sapporo (Japanio) dum tutmonda skiĉampioneco, aŭ eĉ tiun kanzonon "La, la, la", per kiu nia lando atingis en la jaro 1.969 la unuan premion en la Eŭropa kanzonfestivalo,se nia lando, pro kia ajn kaŭzo, ne atingas sufiĉajn internaciajn premiojn ? Permesu al mi kompari Hispanion kun tiu malbona studento, kiu tro ofte fiaskas en la diversaj ekzamenoj, kiujn li devas suferi,kaj subite, senpripense, atingas elstaran noton. Kompreneble, tiu grava evento devus esti bone reliefigata pro ĝia rareco kaj ankaŭ estas devo de justeco. Estas tiel malmultaj la fojoj,kiam ni,hispanoj, estis gajnintoj en kiu ajn grava afero, ke kiam la sukceso finfine alvenas,ni devas forte trumpeti aŭ eĉ "tambureti".Kial ne?

La filmoskizo estas simpla.Temas pri iu ĥiĥonano, nobelpremiito, kiu revenas eventuale al sia patrujo post longa restado en Usono, kie li laboras,por adiaŭi definitive al sia kara naskiĝurbo Ĥiĥono, ĉar li suferas gravegan malsanon.La usonaj kuracistoj anoncis al li tiun gravecon kaj li decidis veni ĉi tien, por rigardi lastfoje ĉiujn angulojn de la urbo, kie li naskiĝis travivis la junecon kaj amis. Tiu lasta temo, la amo, estas la centra temo de la filmo.

Kial la filmo ne vekis intereson in-



ter la hispana publiko ne estas tre facile scii.

Mi ne bezonas memorigi ekde ĉi tiuj linioj al miaj samlandanoj, ke la hispana karaktero estas tre kurioza, komplika kaj ofte, ŝanĝanta. Pro tio la eksterlandanoj ne bone povas koni nin. Ni facile falas en senkuraĝiĝon, antaŭ kia ajn malfavora eventualaĵo kaj ankaŭ subestimas, kion ni posedas. Sed nur ĉar "tio" estas propraĵo nia kaj tial ni povas fari, kion plaĉu al ni, jen valorigi, jen devaluti... Sed, ho ve!, malfeliĉa tiu fremdulo, kiu intencu subestimi, devaluti aŭ ridindigi tiun nian propraĵon, ĉar tuj ni trovas sufiĉe da argumentoj por konvinki lin pri lia eraro, ĉar "nenio" estas pli bona ol "tio" nia.

Pro tio, ne estas tro stranga por mi, ke la plej multo el la malfavoraj kritikoj, kiujn ricevis tiu premiita filmo naskiĝis en nia propra lando, ĉar ĝi estas "io" nia, nur nia, farita sen fremda helpo. Ankaŭ ne ni devas forgesi tiun biblian dirajon, kiu tekstas jene: "Neniu estas profeto en sia propra patrujo".

Aliflanke, la ama temo elmodiĝis . Ĝi devalutiĝis, same kiel la paco. Iam, iu el niaj posteuloj demandos al kiu li supozu sufiĉe saĝa: "Bonvolu, ĉu vi scias klarigi al mi kio estas amo, paco...?

Tiurilate, mi memoras spritaĵon, kiun rakontis al mi unu el miaj geamikoj, antaŭ kelkaj jaroj. Temas pri malriĉega familio kie, kiam la filo falis en malicaĵon , jen la patro, jen la patrino, ĉiam ekkriis : "Knabo, se vi daŭre estos petolema, mi alvokos la ŝinkon !" Kompreneble, la infano, kiu neniam antaŭe estis vidinte la ŝinkon, tuje restis serioza, timante tiun teruran malamikon.

Reveninte denove al la temo de la filmo, mi opinias, ke en la nunaj tempoj al iuj povas ŝajni aŭ ridinde aŭ banale vidi paron de gemaljunuloj karesi sin eŭ adresi unu la alian amajn rigardojn, sed nur, ĉar ofte ni konfuzas la amon inter viro kaj virino, kun tiu seksa deziro posedi unu la alian. Pro tia kaŭzo kaj ankaŭ ĉar tagon post tago ni estas malpli pretaj toleri aliulojn, tre ofte troviĝas junaj geedzoj, kiuj, post pasio de la unuaj tagoj serĉas malsamajn vojojn. Se oni demandus ilin, kio okazis por tiel grava decido, la plej multo el ili dirus: "Ĉar finiĝis nia amo". Kaj mi demandas, ĉu la amo estas manĝaĵo aŭ trinkaĵo, de kiu post kelkaj mordaĵoj aŭ glutoj finfine restas nia telero aŭ glaso malplena ?

Ke Hispanio produktis bonajn filmojn en la lastaj tempoj estas nedubeble. Kiel atesto, jen estas (menciante nur specimenon): "Las bicicletas son para el verano" (La bicikloj estas nur por la somero), "Santa Teresa de Jesús" (serio ne antaŭlonge produktita kaj projekciita de nia Televizio, kiu temas pri la vivo de tiu hispana sanktulino nomata Doktorino de la Eklezio, kaj kies kopioj de la filmo vendiĝis al la plimulto de la landoj el la tuta mondo) "Epílogo", "Los santos inocentes" (La sanktaj naivuloj), "La colmena" (La abelujo), k.a. Ĉi tiuj tri lastaj filmoj ankaŭ premiitaj en aliaj prestiĝaj konkursoj, du el

>>>

ili en Cannes(Francio), freŝdate, kaj la alia en Berlino. Ke ili plaĉu aŭ ne al la plej multo de la spektantoj estas alia afero. Mi mem, ekzemple, ne ŝatas kelkajn pentraĵoj de pentristoj, kiel Miró kaj Picasso, tamen ili estas monde konataj kiel geniuloj.

Mi havis okazon spekti kvar filmojn, kiuj ankaŭ atingis Oskarpremion krom tiu nia, kiel :"Veredicto final"(Fina verdikto), "La decisión de Sofía" (La decido de Sofia), "Gandhi" kaj "E.T.", kaj laŭ mia vidpunkto ili ambaŭ meritis tiujn atingitajn premiojn. Se la konkurso estas prestiĝa, pli granda estas la honoro kiu trafis la respondeculoj. Ĉu ne ?

Pri tiu intervjuito, kiun oni mencias en la raporto, mi opinias, ke se tiu "saĝa viro" ne apartenas al tiu magia mondo, kia estas la kino, havas neniun valoron liaj komentoj pri la filmo, sed se li vivas ene de tiu mondo, eble li scias aŭ supozas ion, tiurilate. Tamen, estas evidente, ke okazintaĵoj pli favoraj povis okazigi en aliaj pasintaj tempoj kaj neniu memorigis pri niaj filmoj. Kial? Eble la plej multo el la filmoj ne atingis eĉ la valoron de la celuloido uzita por filmi ilin. Ĉu ne povus okazi, ke tiu "saĝa viro" estu ĵaluza aŭ enviema de la sukceso de aliuloj ? Ĉar la envio estas nia nacia sporto !...Neniu forgesu tion. Ni memoru tiun hispanan proverbon :"Kiu estas via malamiko? Tiu de via sama ofico!"

Mi timas, ke nia bona amiko Luis Serrano Pérez ne estis sufiĉe bone informita pri la filmo, ĉar li skribis : "Mi jam scias, ke parto de la filmo estis filmita en la patrujo de "HELECO" .... kio montras, ke li scias malmulte pri la filmo, ĉar ne parto, sed preskaŭ la tuto estis filmita ĉi tie, escepte 5 aŭ 10 minutoj antaŭ la fino de la filmo kiuj, ŝajne, filmiĝis en Usono. La elektitaj lokoj estis : Gijón kaj ĉirkaŭaĵoj (la plej granda parto), Cudillero, Covadonga, Ribadesella, k.a. Eĉ internaj sekvencoj, kiel tiuj de la hoteloj de Gijón kaj Covadonga estas aŭtentikaj.

La filmo nur prenis de Usono, la titolon, kiu rilatas al donaco de disko (kun tiu muzika temo fare de la fianĉino al ŝia kara kaj malnova amanto antaŭ definitiva adiaŭo), kun tiu reviviĝo de la amo kiun ili iniciatis dum sia juneco.

Por fini tiun ĉi longan kaj certe tedan paroladon, restas nur diri, ke la premiita filmo, prave premiita estas, kaj ankaŭ memorigi, ke ni devas esti nek tiel malfidemaj, nek tiel pesimistoj. Ni nur pensu, ke ion havas la akvo, por ke ĝi estu benata.

DIMANĈEZ

\+ + + +

EL PROVERBOJ DE D-RO ZAMENHOF

- Envia moko sukceson ne detruas.
- Ne venas honoro sen laboro.
- Serpenton oni povas eviti, sed kalumnion neniam.
- Lerteco sorĉon ne bezonas.
- Famo ne flugas, se kaŭzo ne estas.
- Ĉiu mezuras aliajn laŭ sia mezurilo.
- kalumniante konstante, oni eĉ anĝelon nigrigas.

# "DALLAS"

Antaŭ nelonge mi legis en ĵurnalo el Barcelono, kaj eĉ tion mi aŭdis pere de nia kara televido, ke sociologoj kaj aliaj kleraj kapoj de pluraj landoj de nia medio kunvenis por studi aŭ analizi la televidan serion "Dallas", kiel socian fenomenon, pro la granda akcepto, kiun havis tiu filmoserio en ĉiu lando.Mi vere surpriziĝis. Estas io nekomprenebla, ke oni dediĉas tempon kaj monon al tiu abomeninda kaj malmorala serio. Sed al tio ja aspiras nia socio, celanta maksimuman monakiron. Kiamaniere ? Nu, tio ne multe gravas.

Mi ankaŭ devas konfesi, ke tiuj filmoj havis neniam influon sur mia menso. Eĉ tiom putra mi trovis ĝian enhavon aŭ mesaĝon , ke mi rezignis tre ofte ĝin spekti.

Io estas vero, nome la eksterordinara lerteco, kiun havas la monopoloj de la kina industrio de Usono por altrudi tiujn filmojn al la televidoj de ĉi tiuj landoj. Sendube tio ja estas alia formo aŭ sistemo de obeado al la granda sinjoro Usono.

Mi ne scias, kiajn konkludojn oni eltiris el tiu studado laŭ socia vidpunkto, fare de niaj inteligentaj saĝuloj. Ĉu ĝi estas pozitiva ?, ĉu oni konsideris tiujn filmojn vidindaj, instruaj, dignaj por kompletigo de nia eduko kaj tiu de niaj filoj ? Ĉu estas defendinda tiu sociordo, en kiu disvolviĝas la famaj filmoj ? Eble iun tagon en angulo de ĵurnalo, ni povos informiĝi pri tiu originala kaj senutila debato. Tamen, mi preskaŭ senerare povas aserti, ke tiu asembleo de studemuloj venis al la konkludo, ke la menciita filmoserio estas interesa pro la fakto,ke ĝi montras la vivformon surbaze de libero en ĉiu aspekto. Perfekte, sed la demando estas, kian instruon oni povas eltiri de tiu filmoserio por nia ĉiutaga vivo ? Ĉu ni devas ĝin imiti ? Se jes, ĉu tiel estus minimuma kaj reciproka kunvivado inter ni, inter honestaj homoj, inter homoj sinceraj kaj amantaj de la familio kaj de la respekto al aliaj personoj ? La respondo estas nea.

Tre plaĉas al mi la filmoj pri sociaj temoj. Tiu serio, ja montras multajn kaj gravajn sociajn konfliktojn. Sed,kion oni povas lerni de tiuj filmoj, en kiuj abundas krimoj, perfidoj, perfortoj, aŭtoritateco, seksaj trompadoj, ekspluatado,mortigoj kaj aliaj multaj malvirtoj ?Ĉu pri tio, aŭ sur tio, fundamentiĝas la tiel nomata libero de la ekonomio de merkato ?Ĉu tiuj estas la principoj de la usona kunvivado? Mi ja tion ne povas kredi. Ĉu por triumfi en la vivo oni devas agi, kiel la ĉefa rolanto de tiu filmoserio ?

Kie troviĝas la homaj valoroj?Ĉu povas ekzisti familia vivo kiam la perfido en ĉiu aspekto de la vivo estas ordinara regulo ? Se ni devas nin rigardi en tiu spegulo,malfeliĉa kaj malbela estos nia vizaĝo.

Oni diras, ke la filmoj estas la bildoj de la landa vivo. Ĉu tiu estas la vivformo en tiu lando ? Bedaŭrinde, se ni devas analizi multajn el la agoj de Usono tra la tuta mondo, ni devas akcepti kiel bonan tiun filozofion de la fama "Dallas" .Kaj,ĉu estas tiu socio, kiu celas sin prezenti kiel imitindan por la cetera mondo ?

Persone mi ne povas tion kredi.Mi pensas, ke en Usono estas homoj honestaj,sinceraj, virtaj kaj solidaraj. Mi ankaŭ pensas, ke la plej granda parto de usonaj negocistoj kondutas observante la leĝojn tie ekzistantajn. Eble ĉi tiu opinio mia deve-

►

nas de mia klara pensomaniero pri la homo. Ĉu sur tiuj pileroj baziĝas la grandaj trustoj kaj usonaj monopoloj? Vero estas, ke mi ne simpatias, kun tiu socia sistemo; feliĉe ĝis tiu grado de putreco ekzistanta en la menciita - filmoserio, ankoraŭ troviĝas granda abismo.

Se mi ne eraras, niaj respondeculoj decidis ne projekcii la tutan serion. Kial? Mi ne scias la kialon. Sed jen la alia flanko de la monero. Du aŭtonomiaj televidoj decidis prezenti en siaj respektivaj lingvoj la jam spektitajn filmojn. Kial? Ankaŭ ne tion mi scias. Tiun demandon faras al si multaj aliaj personoj. Oni elektis ĉiam la plej adekvatan horon por ĝia prezentado; do la spektantaro ĉiam estas granda.

Io estas vera, la televidon, kiel la plej taŭgan komunikilon, oni devas uzi por klerigado de la homo. Ne estas tiu filmoserio kaj aliaj samtendencaj, kiuj pozitive instruos nin, male ili bone kontribuas por degenerigi niajn mensojn, (ĉu estas tio, kion ili celas?) kreante etoson por postaj miskomprenoj kaj fiagoj inter la homoj. Neniel oni devas uzi la monon de la "kontribuanto" por tiaj elspecoj ! Ankoraŭ pli grave, se tiuj filmoj celas altrudi al ni la filozofion de tiu socia sistemo, ni devas rifuzi ilin sendiskute.

LUIS

SERRANO

PEREZ

Sabadell, 15.04.84

---

## 1.985 - P E R A D O   D E   R E V U O J - 1.985

# KUIRANTE KUN PILAR

## SPINACO KREMIGITA

INGREDIENCOJ: 1 Kg. da spinaco.
Salo kaj pipro.
Malmole kuirita ovo.
Pinĉaĵo da muskato.
Pinĉaĵo da sukero.
30 g. da butero.
1/6 da lakto.
30 g. da faruno.

---

Bone lavu la spinacon. Metu en kaserolon, salu kaj pipru. Kuiru kaj kuiretu dum 10 minutoj sen akvo.

Intertempe fandu la buteron, aldonu la farunon kaj fritu dum kelkaj minutoj.

Aldonu la lakton, kuiru kaj kuiretu ĝis densiĝo, kirlante la tutan tempon. Salu kaj pipru.

Kribru la spinacon kaj ĝin tranĉu bone. Miksu kun la saŭco.

Aldonu la sukeron kaj muskaton.

Garnu per ronde tranĉita ovo.

BONAN APETITON !